# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 21/12/2017 Tricent- kvindektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,140,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **264,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,400,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**







# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".




## N.ro 7 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)



Post ĉi tiu enkonduko pri la diversaj verbklasoj, P.A.G. donas tabelojn pri la Simplaj Tempoj, pri la Kompleksaj Tempoj, pri la Participoj kaj Pasivo (nur la laŭ mi malĝustaj kompleksaj formoj, kiuj estas statindikaj), pri la Faktitiva Voĉo, kaj pri la Mediala Voĉo. Ili estas tre utilaj, sed mia tabelo pri la Pasivo enhavus nur –atas kaj –atis kaj –atos kaj –atu kaj –atus kaj –ati. P.A.G. nur mencias tiun eblecon per la ekzemplo "Laŭdatu Jezu-Kristo", ne inkluzivigante ĝin en la tabeloj. Pri la Aspektoj P.A.G. ne donas tabelojn, sed donas multajn utilajn ekzemplojn kaj multan klarigadon. Ĝi malĝustas nur pri tio ke ĝi formulas la Finan Aspekton kiel la Perfekton, do la stato post la ago, dum la Fina Aspekto indikas nur la lastan parton de iu ago. Ĝi krome forgesas mencii, ke la aspekto de verbo fariĝas nova sendependa verbo formita de vortkunmetado, parte aglutina (-adi k.t.p.) kaj parte neaglutina (re- k.t.p.). Do ke ekzemple 'ekstudi' estas nova ago kaj nova verbo obeanta ĉiujn regulojn de la verbo.

*Marcel Leereveld.*



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE. Roger S*

**La celo estas krei kunligatan Esperanto-familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***

**Fotoj bezonas nomojn. Artikoloj bezonas kapfoton. Aŭstralio estas granda lando.**






BRIZBANA ESPERANTO SOCIETO

kunvenas la kvaran sabaton de la monato, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

BES kunvenos ĉe la biblioteko en Brizbano : 20.01.18

*Petro Danzer* BES Sekretario





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 16a de Decembro estos la tria sabato. Ni celebros du gravajn eventojn.

**Ni celebrls la 99an naskiĝtagon de Eunice Graham. kaj**



**Ni celebrls la Zamenhofan Tagon.**




Ian (Jano) Wylles John Casey Christine Holliss Rainer Kurz

Roger Springer John Casey Eunice Graham





Ni ĝuis la viziton de Rainer Kurtz kiu, kiel la hirundo, revenas ĉiun someron.

Dum la pasinta jaro li vojaĝis ĉirkaŭ Francio kaj prelegis kelkajn temojn al Esperanto-grupoj tie.

Pro la Zamenhof tago kaj la 99a jara naskiĝtago de Eunice ni manĝis tre bongustan kukon, kiun Roĝero organizis por tiu grava okazo. Dankon Roĝero.



Bedaŭrinde Eunice estis en la malsanulejo sed ni donis multajn bondezirojn al ŝi per telefono. Resaniĝu Eunice. *Chris Holliss*



## Pri AE352



Karaj, en AE 352 mi legas pripensojn pri nacio, nacieco kaj nacianoj.

Estas tre malfacile, preskaŭ neeble, klare priskribi, kio estas nacio.

Neniu difino vere valide trafas la aferon.

Pluraj nacioj povas vivi en la sama ŝtato (ekzemple turkoj kaj kurdoj), unu nacio povas vivi en pluraj ŝtatoj (ekzemple la kurdoj).




Mi dubas, ĉu oni per leĝo povas fariĝi ano de iu nacio.

Se iu ricevas pasporton de iu lando, en kiun li enmigris, li ne ricevis novan naciecon, sed novan ŝtatanecon.

Amike, *Peter Weide*

 xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Kiel kutime mi kun atento legis la gramatikajn rimarkojn de Marcel. Mi konsentas ke ne facilas trovi la ĝustan etikedon por vortoj , kiuj povas esti uzataj en malsamaj funkcioj aŭ kategorioj aŭ signifoj

En la ekzemploj *" j'ai mangé " " la pomme est mangée "* ĉu la vorto "*mangé*" en ambaŭ kazoj estas pasiva participo?

Tamen tre konfuzas min kiam Marcel diras ke " en la franca *" je mangerai "* nun nomiĝas futuro, dum origine estis prezenco en " *j'ai à manger*"". Mi eklernis kaj mi devas konfesi ke mi tion akceptis sen fari al mi tro da demandoj, ke la futuro de la modo indikativo estas farita de la infinitivo en la nuna tempo de la verbo plus la nuna tempo de la indikativo de la helpverbo *avoir* ( *j'ai, tu as, il a* ktp..) do je manger+ai, tu manger-as, il manger-a. Tamen la du unuaj personoj de la pluralo ne havas la tutan helpverbon, sed nur la finaĵon.

Pri duobla aŭ nura nacieco , mi ne konsentas kun Marcel ke akiro de nova civitaneco devas aŭtomate depreni de la individuo la malnovan. Se oni kredas ke parlamentano ne povas esti lojala al du landoj , en ordo. Rajtas federacie parlamentaniĝis nur la homoj, kiuj oficiale rezignis pri la alia nacieco. Tio estus elekto de ĉiu individuo. Sed akiro de nova civitaneco ne ŝanĝas kia individuo profunde estas la nova civitano aŭ ne ŝangas la membrojn de ties familio. Tio ne detruas la antaŭajn rilatojn al la origina lando. La historio de individuo ofte kolizias kun la historio de ŝtatoj. Kial konservi la kontaktojn kun konatuloj, familianoj devus fariĝi foje tre komplika - akiro de vizo, malfacileco por disponi pri sia mono, tempolimo de tri monatoj por ĉiu vizito ktp….? Mi sentas min mondcivitano, homarano. Bonŝance ŝajnas ke la evoluo, la tiel nomata tutmondiĝo tendencas malfermi la landlimojn. Mi preferas agi cele mondsolidarecon prefere al servi la interesojn de unu lando. *Franciska Toubale*





# Senplantaj ĝardenaĵoj.

## MI LUKTAS KONTRAŬ MIA MALMODESTECO.

Unu aŭ du samideanoj menciis ke miaj tezoj pri la Esperanta kaj etnaj gramatikoj sufiĉe ofte ne ĝustas, kaj ke mi fariĝas tromemfida kaj memglora pri miaj ideoj kaj scioj pri la gramatiko de Esperanto. Se, kaj kie, ili pravas, estas ili mem kiuj grandparte kulpas pri tiu mia memfidemo. Ja kelkaj Esperantistoj, kaj pluraj en Eŭropo, edukatis kaj –as en lingvoscio laŭ la malmodernaj ideoj (inkluzive de Chomsky) lingvismaj grek-latin-germanaj. Ili juĝas, komprenas, kaj instruas la gramatikon de Esperanto laŭ tiuj malnovaj principoj. Ili ne komprenas ke Esperanto estas alispeca lingvo, parte ĉar ĝi estas artefarita. Kaj ili rifuzas ekscii aliajn teoriojn. Ili timas eltrovi ke iliaj longdaŭraj ideoj estis malĝustaj. Pro tio ili kelkfoje eĉ

miskomprenas la gramatikon de siaj etnaj lingvoj, ekzemple ke en iliaj lingvoj ekzistas nun tri anstataŭ du participoj.

Pro tiuj malmodernaj kaj kelkfoje malĝustaj ideoj pri certaj eroj de la gramatiko de Esperanto, ili ne komprenas kelkajn el miaj klarigoj, kaj ne volas kompreni tiujn. La rezulto estas, ke preskaŭ ĉiuj Esperantologoj opinias kaj diras, ke miaj tezoj estas malĝustaj. Kaj kio faras min memfiera kaj malmodesta estas, ke ili nur diras ke mi estas malprava, sed ke ili neniam penas montri kial mi malpravas. Cetere ili ne povus. Tial mi ekpensas, ke mi scias ĉion pli bone ol ili. Kompreneble mi faras ideoerarojn kiam mi elverkas miajn klarigojn, sed preskaŭ ĉiam estas mi mem kiu trovas miajn erarojn, see antaŭ ili. La kaŭzo estas precipe ke, pro iom da juraj studoj, mi ĉe ĉiu frazo plurfoje kritike ekzamenas kion mi opinias, por ke neniu povu trovi malĝustaĵojn en mia rezonado. Mi daŭre timas fari tiajn malĝustaĵojn, ĉar ili kaŭzus ke mi ne plu estus aŭtoritato pri la gramatiko de la lingvo, kaj tial ne plu estus utila por Esperanto.

Tiu nepublika memkritikado do zorgas, ke miaj kritikistoj ne kapablas trovi erarojn kaj tial diras nur ke ili malsamopinias kun mi, sen peni montri kial.

Kompreneble ne ĉiuj Esperantistoj facile komprenas miajn tezojn, sed multaj povus, kaj povus plibonigi miajn tezojn. Sed ĉar tio ne okazas mi, por la bono de Esperanto, volas vivi pli longe ol cent jarojn, kvankam mi tiel samtempe kreas plurajn malamikojn, precipe inter la tre kleraj sed ne sufiĉe kleraj Akademianoj kaj inter gramatikistoj verkantaj malmoderne kaj malĝuste. Establitaj interesoj malfacile mortas!

Aliflanke en ĉiuj socioj kaj societoj la membroj utilas diversmaniere laŭ siaj diversaj kapabloj, kaj tiel kune servas sian socion aŭ societon. Mi povas esti aŭtoritato pri la gramatiko de lingvoj, speciale Esperanto, sed mi estas neklera aŭ tre malklera pri aliaj sociaj studoj kaj aktivecoj, kaj mi do devas fidi tiujn aliajn specialistojn.

. *M.L.*

## AVERTO !

En alia gazeto redaktanto konsilas malĝuste, ne uzi la esprimon “naskiĝtago”, kaj uzi anstataŭe la esprimon “naskiĝdatreveno”. Ne faru tion, ĉar vi dirus sensencaĵon. “Naskiĝdatreveno” estas la reveno de la dato de ies naskiĝo. La dato de mia naskiĝo estas 4-12-1917, KAJ TIU DATO NE POVAS REVENI, ĝi okazas nur unufoje. Do naskiĝdatreveno estas neebla sensencaĵo. La ĝusta esprimo estas “naskiĝtago”, kiel la angla birthday, ĉar ne temas pri dato, kiu ja entenas tagon kaj monaton kaj jaron, sed pri tago, certa tago en la jaro, kiu tago estas por Zamenhof la 15-a de Decembro, en kiu ajn jaro. Ĝi estas ne dato, SED IU TAGO DE LA JARO KIU TAGO REVENAS ĈIUN JARON. La jaro de la naskiĝo certe ne revenas, ne povas reveni, kaj do la dato, kiu enhavas tagon kaj monaton KAJ JARON certe ne revenas. Revenas nur LA TAGO de la naskiĝo, la 15-a de Decembro, ĉiujare, kaj ĝi estas do LA ĈIUJARA NASKIĜTAGO.

Kaj kial la homoj uzas la sensencan esprimon “naskiĝdatreveno”? Simple ĉar ili blinde akceptas la ideojn kaj la terminojn uzatajn de la tre kleraj sed ne sufiĉe kleraj famaj Esperantologoj eŭropaj. Do avertatu !

*Marcel Leereveld*.



# Semajna raporto de Melburno



Niaj kutimaj semajnaj kunvenoj rekomenciĝos en Februaro.

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 996 Instagram – 117

Facebook – 356 Telegram – 18 Twitter – 354 *Joanne Johns*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Zamenhof-festo en Adelajdo



Dekkvar homoj kolektiĝis en la hejmo de Indrani Beharry-Lall por celebri la naskiĝtagon de Zamenhof kaj feste fermi la jaron. Skajpe salutis nin kaj per kelkaj zamenhofaj proverboj kontribuis al la programo nia prezidanto Sandor Horvath, estanta nun en la nordo de Sudaŭstralio. Paul Desailly memoris pri pluraj ĉi-jaraj jubileoj, Trevor Steele parolis pri la religia evoluo de Zamenhof, Carol kaj Brendan Linnane kantis, Cathy Taggart kaj Eileen Jones pupteatrumis ... ni ĉiuj bone manĝis kaj finis la celebradon per komuna kantado.







Fotoj: Carol kaj Brendan Linnane, Benno Lang, Indrani Beharry-Lall, Bob Felby kaj Trevor Steele

*Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** ....Jen mesaĝo de la administranto de nia radio por sciigi la donacantojn de la radiotono kiuj gajnis premion. Bedaŭrinde neniu el la esperanta grupo gajnis. Kutime tio estas anoncata dum la finjara festo. Estis ankaŭ planita honorigi Marcel, kiu daŭre kontribuas al la elsendo. Kiu alia grupo povas fieri ke regule deĵoras centjarulo? Sed la administranto elektis la 16an de decembro por tion fari. Kompreneble, ni ĉiuj esperantistoj preferis festi la naskiĝtagon de Zamenhoj kun niaj samideanoj. Radio 2017 – prizes informas la kunvokanto *Franciska Toubale*



| PRICE | DESCRIPTION | VALUE | GROUP | PLEDGE NO | NAME |
|---|---|---|---|---|---|
| 1ST | Travel Voucher | $1,500 | TUR | 4603 | Yusuf Budadk |
| 2ND | Visa Cash Card | $1,000 | IRI | 2230 | Mary Muir |
| 3RD | Visa Cash Card | $500 | MAU | 3156 | Robert Louis Desfosses |
| 4TH | Star Restaurant | $200 | MAU | 3173 | Joshua Meekeng |
| 5TH | Cordless Drill | $200 | AUS | 590 | Erna Cole |
| 6TH | Reggio Ballroom | $150 | SIN | 3999 | Shantha Subasinghe |
| 7TH | Skydeckk 88 / Family | $50 | TAM | 4434 | T Ravikrishna |



## Ni festu kune la 158-an naskiĝtagon de Ludoviko Lazaro Zamenhof

Okaze de la ĉi-jara **Zamenhofa Tago** ni ĉiuj, la membroj de Legio de Bona Volo (LBV), tutkore gratulas ĉiujn Esperantistojn en la mondo. Sub la verda standardo, kun plenespera koro, ni preĝu man-en-mane per tiuj elĉerpitaj vortoj el la fama Zamenhofa poemo:

*"La verdan standardon tre alte ni tenos;*
*ĝi signas la **bonon kaj belon**.*
*La Forto mistera de l' mondo nin benos,*
*kaj nian atingos ni celon.*
*Ni inter popoloj la murojn detruos,*
*kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos*
*kaj falos por ĉiam, **kaj Amo kaj Vero***
***ekregos sur Tero**".*

Fratamike,
Maria Aparecida da Silva
www.bonavolo.com

## Puzlo-donacoj en la Zamenhofa jaro.



La 15-an de decembro estas la naskiĝtago de Zamenhof, la Tago de la Esperanto-libro, sed ankaŭ la naskiĝtago de nia retejo edukado.net. Ni funkcias jam de 16 jaroj!

La paĝaro disponigas multajn servojn al la esperantistaro: kursmaterialojn, ĉeestajn kursojn, trejnadojn, organizas la KER-ekzamenojn, funkciigas la ludon RISKO, kadre de la programo Ekparolu! helpas per parolsesioj la komencintojn, registrigas Esperanto-kursojn, helpas trovi korespondpartnerojn, prezentas detalajn informojn pri artikoloj, libroj, kolektas diplomlaboraĵojn kaj per dekoj da aliaj agadoj laboras por helpi al esperantistoj lerni kaj lernigi nian karan lingvon.

Por funkciigi la retejon ni bezonas financajn rimedojn. Ĝis nun ni sukcesis akiri la necesajn sumojn pere de donacoj kaj ni ne bezonis enkonduki membrokotizojn. Ĉu ankaŭ por 2018 estos tiel?

**Ni petas ĉiujn, kiuj taksas nian laboron grava kaj bona kaj povas finance subteni nin, sendi donacon en la sekvaj tagoj. PayPal, UEA-konto, banka ĝiro, ĉio eblas. Vidu la eblojn ĉe la subtenpaĝo.**

Okaze de la Zamenhofa jaro ni lanĉas ankaŭ monkolektan kampanjon.

La portreton de la majstro, desegnitan por edukado.net, fare de Richard Wagner el Belgio, ni tranĉigis je 117 pecoj, kiujn ni vendas.

La minimuma kosto de unu peco estas 10 eŭroj.

La liston de la jam venditaj numerigitaj pecoj vi povas vidi en la koncerna donacpaĝo.

Kiam vi sendas monon bonvolu indiki ankaŭ la numeron, kiun vi elektas el inter 117. (Ekzemple Zamenhof-puzlo n-ro xx.) Ni esperas, ke la tuta portreto kunmetiĝos ene de mallonga tempo, kiam ni vidigos ankaŭ tion, kiu kiun parton sukcesis "aĉeti".

Por la persono, kiu donacis la plej grandan sumon por unu peco, ni sendos ankaŭ la fizikan puzlo-ludon.




Antaŭdankon por viaj donacoj kaj financa subteno de nia agado.

Katalin Kovats, direktoro

-----

Vidu la anoncon kun ligoj al la koncernaj lokoj vi povas legi ĉe la paĝo: [http://edukado.net/novajhoj?id=723](http://edukado.net/novajhoj?id=723)

Atendas vian viziton la redaktoro de edukado.net



# El Brisbano kaj Toowoombo

*Petro Danzer*




Je la 15a de Decembro Esperantistoj de BES kaj TES ( *Brisbane, Toowoomba* ) festis la naskiĝtagon de nia amata Ludoviko Zamenhof en REDCLIFFE apud la Moreton Golfeto.

Ankaŭ ni renkontiĝis en ESPERANTO STRATO por grupfoto. Poste ni aŭskultis festparoladon de BES prezidanto, Doug Eising, en Esperanto kaj Linda Danzer en la angla por niaj gastoj en kafejo.





★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 5. Mi iras malsanulejen (tria ero)



Ni neniam laboris sabatojn kaj dimanĉojn. Tiam tio estus preskaŭ sakrilegio en Anglujo. La malsanulejo pagis mian ĉambron en domo proksima al la malsanulejo. Kaj ankaŭ vespermanĝojn mi ricevis senpage en la malsanulejo. La semajnfinojn mi pasigis kun Bryan.

Iun dimanĉon, en la domo de Bryan, mi renkontis lian kuzinon Audrey. Ŝi estis, kiel vi ĉiuj scias, tre aminda kaj inteligenta persono. Malsame al multaj anglinoj, ŝi ne trinkas bieron. Tio plaĉis al mi, kaj ankaŭ, ke ŝi ne fumas.

Iun sabaton oni proponis al ni, ke ni purigu unu el la operaciejoj. Mi ne scias kiu kutime purigis ilin, sed nun ankaŭ ni havis ŝancon perlabori iom da ekstra mono. Jean Pierre, Armando, Cezaro kaj mi eniris la operaciejon. Angla operacieja servisto jam enestis. Li devis estri la purigadon. Li estis digna anglo, kaj unue decidis montri al ni, kiel endormigi malsanulon antaŭ la operacio. Li petis Armandon esti malsanulo, sed tiu bruemulo montriĝis esti ankaŭ malkuraĝulo. Mi devas agnoski, ke ankaŭ mi timis. Do ni decidis labori iomete. Ni plenigis sitelojn per varma akvo, kaj disĵetis ilin sur la plankon en ĉiujn angulojn de la operaciejo. Tio estis tre amuza, kaj Armando deprenis la ŝuojn kaj ŝtrumpetojn kaj ekdancis nudpiede sur la planko kantante "Klementin" en Esperanto. Sed tiam envenis la operaciejon unu el la ĉefflegistinoj. Vidinte kaj aŭdinte Armandon ŝi indigne kaj solene eldiris, "Armando, *you are in England now !*" kvazaŭ oni en tiu lando ne rajtas amuziĝi kaj ĝui la vivon. Kaj fakte estis ankaŭ mia impreso, ke tion oni tiam ne rajtis !

*Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**AE deziras Feliĉan Kristnaskan Feston al la Legantoj**